# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

APRILO 1940
XXXVI-a Jaro. N-ro 484 (4)

Jara abono . . Fr. sv. 10.—
(Kun ricevo de la Jarlibro)
Anonco: Korespondado du linioj . . . . . 1.—
Reklamo: Kolonero unu centimetra . . 1.—

Poŝtĉeko svisa: Genève I. 2310


ENHAVO:




Redakcio: Palais Wilson, GENÈVE, Svislando

Fondinto: Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob.


## Unueco estas forto

Tiu ĉi trivortaĵo servis kiel batalkrio al Internacia Esperanto Ligo, fondita 1936 de personoj malrespektintaj leĝon kaj plej elementan observon de societaj kutimoj. La origino de tiu ĉi afero jam estas forgesita. Aliaj pli gravaj okazaĵoj plenigas la cerbojn. Utilas rememorigi tiun ĉi aferon kiu kondukis al la skismo en la movado kaj kiu rekte forigis el nia rondo familia milojn da samideanoj naŭzigitaj.

Dum Februaro 1936, post sendeficita jaro 1935, subite la tiama prezidanto de UEA, Sinjoro Bastien informis la membraron, ke pro multekosteco de la vivo en Ĝenevo, oni devas forlasi tiun ĉi urbon por savi UEA. Kaj kiel sidejo de UEA estis proponita Londono.

La aserto pri multekosteco, kompare al Londono estis neniam precize pruvita. Ne estis provita ekzameni, ĉu per aliaj aranĝoj la minacanta katastrofo estas evitota.

Hodiaŭ preskaŭ kvar jarojn poste, la supra aserto pri malpli kosta vivo en Londono, emfaze certigita en Varsovio 1937 per la fama frazo „IEL ekvilibris sian budĝeton por 1937 kaj en 1938 ĝi havos grandan gajnon" estas frakase malkonfirmita.

La nuda vero estas, ke je la fino de 1939 IEL faris malnetan deficiton por trijara agado de ne malpli ol 1690 Funtoj Sterl. Tiu ĉi sumego laŭ meza kurzo estas 32000 ĝis 33000 Fr. sv. Per donacoj kaj kuponkolekto tiu ĉi perdego estis malaltigita ĝis 1357 Funtoj aŭ 24442 Fr. sv.

Siatempe kelkaj membroj de UEA zorge ekzamenis unu budĝeteron post alia. Kaj oni konkludis, ke nur per kompleta ŝanĝo de la sistemo, la Asocio estas daŭrigebla. La rimarkojn de la opoziciuloj oni bagateligis!

Granda avantaĝo ŝajnis la donacita domo. Nu, tiu ĉi domo jam en jaro 1937 apartenis nur teorie al IEL, praktike al la kreditoroj. La posedo de domo propra devis teorie ankaŭ permesi malmultekostan loĝadon. Tute ne! La sola kontero Oficejo (rentumo, oficejaj elspezoj kaj dom-elspezoj) sumis en 1939 ne malpli ol 3791 Fr. sv. (en propra domo notu bone)

Ni konstatas, ke neniu el la pretenditaj malpli-kostoj efektiviĝis tiagrade, ke plenumiĝu la deklaro de sendeficita laborado. Kaj tio rezultis spite la apogo de preskaŭ ĉiuj Landaj Asocioj, kaj sen sentebla agado de UEA per varbado.

La materia aspekto de l'problemo estas malkuraĝiga. La morala ankoraŭ pli. Supernacia movado kun sidejo en ĉefa militanta lando ja estas absurdaĵo.

Sinsekve la viv-spaco de Esperanto malgrandiĝas. Antaŭ la perspektivo de kompleta disfalo pro milito kaj malinteresiĝo urĝas krei veran unuecon. Ĝi staru sub la signo de l'Interhelpo al viktimoj de nuna maltolero. Kaj al ĉi tiuj viktimoj apartenas la familio de l'kreinto de nia lingvo. Al la iniciato de UEA kaj al klara invito kunhelpi, IEL ne respondis. Certa Landa Asocio eĉ provis malkreditigi la iniciaton. La respondo al nia alvoko el tiu ĉi lando estis la plej glata malaprobo de tiu ĉi kalumnio. La nombro de la donacintoj estas la plej alta kaj la sumo proporcie plej grava.

Unueco estas forto. Tio estus duoble vera, se tia unueco ekzistus. UEA dufoje proponis re-unuecigon. IEL (fondita el mono de UEA) volis ĝian submetiĝon. Kiam fine la Estroj de la Ligo komprenas la situacion kaj tiros la sole eblan konkludon?

# La helpo al la familio Zamenhof

## Kvara raporto

## Grava novaĵo

Fine post multaj klopodoj, ĉirkaŭvoja skribado al ĉiuj eblaj personoj, oficejoj, organizaĵoj, ni nun konas la sorton de la Familio Zamenhof.

La fratinoj Sofia kaj Lydia loĝas kune ĉe parencino en Varsovio, same Sinjorino Zamenhof, la edzino de D-ro Adam Z., kun Ludwig, nepo de nia majstro, ĉe aliaj parencoj.

Pro prudenteco ni ne konigas la adresojn, ne sciante precize kia estas la leĝa situacio. Pri D-ro Adam Zamenhof neniu informo estis donita, kio supozigas, ke li ne estas en Varsovio.

El leteroj ricevitaj, ni vidas kiom mizera estas la vivo tie, kio devigas nin agi plej rapide. Sed tio ne estas simpla. Ni atendas respondon de la Familio Zamenhof kaj dume ni mobilizis niajn helpantojn, por ke ni povu sendi vivbezonaĵojn. Interdume ni ekzamenas la plian problemon, trovi eblecon venigi la familianojn en alian landon.

Samideanoj! Ni devas sukcesi. Ĉiel ni diris en nia unua raporto. Verdire tiu ĉi serĉado bezonis tempon kaj paciencon. Nun **ke ni scias kie troviĝas la familio Z., ni organizas la duan etapon de la helpo. Pri ĝi ni esperas ke ni povos informi la Esperantistaron** en la sekvonta numero.

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
**Esperantista Interhelpo**

## Monsendoj

Diversaj personoj demandas, kial la informo pri donaco aperos nur monaton poste. Tio estas ŝuldata al la malrapideco en la poŝtkomunikoj kaj al la komplikaĵoj rezultiĝantaj el la kondiĉoj inter redakcio kaj presloko, pri kio ni ne povas informi pli detale en nuna momento. Aliflanke ni laboras nuntempe kun personaro parte ne-salajrata, kiu ne povas veni regule. Rezultas do enkonduki labormetodon kiu certigas maksimumon de ordo per minimumo da skriblaboro.

### Britujo:

Sinjoro F. A. Sayer, Newquay. Cornwall, 10 ŝil.

### Francujo:

Sinjoro Vérot, Saint Etienne, 2a sendo, kolekto inter diversaj personoj: 100.— Fr.; Per Sinjoro Chagnoux, Yzeure, de S-ro Burat en Tréban, Allier, 100.—; S-ro Joséph Pion, Sallanches, 20.—; S-ro Delaurat, Saint Germain des Fossés, 10.—; Kolektita de Sinjoro Borel, Lyon: S-ro Clement, 100.—; S-ro Richard, Alger, 25.—; S-ro Cheval, 5.—; S-ino Mansching, 10.—; S-ro Bonnet, en Rohan (per S-ro Brunet, Bordeaux) 20.—.
Sumo ricevita en franca mono laŭ 4-a raporto: Fr. 380.—.

### Hungarlando:

S-ro Balkânyi Pâl, Budapest, 3.— P.; S-ro D-ro Takâcs, Nagymaros, 5.—; S-ro Tolnai, P., Budapest, 5.—; S-ro Berân, Pâl, Györ, 10.— P, — Kune Peng. 23.

### Nederlando:

F-ino A. M. van Peere, Dordrecht, 1.—; F-ino J. H. P. van Ouwerkerk, Sliedrecht, 1.—; (Ricevitaj dum Marto), F-ino E. M. van Gelder, Den Haag, 2.50; S-ro C. van Laarhoven, Amsterdam, 3.60; F-ino A. Gnirrep, Wemeldinge 25.— G.
Sumo ricevita en nederlanda guldeno, 4-a raporto: 33.10.

•

### Palestino:

F-ino Selma Moscicki, Jerusalem, (Pal. Funto) 2.— L.

### Portugalo:

Kolekto farita de S-ro Saldanha Carreira, ĉefdelegito de IEL 549.50 Eskudoj; S-ro Manuel de Freitas, ĈD de UEA, (persona) 47.50; S-ino Alsacia Fontes Machado, 42.— Esk. kune . Esk. 639.— (Aliaj donacoj anoncitaj)

### Svislando:

F-ino Ilona Gewürtz, Genève, 5.— Frk.; S-ro Pothast, Den Haag (per rekta pago al la deponkonto ĉe la Banko en Genève) 10.—
Kune 15.—

Ĉiuj sumoj kune, de la kvara raporto: (En Sv. Frk) . . 259.55

### Usono:

Nia komitatano usona, Sinjoro Joseph W. Dubin, 646 Westview Street, Philadelphia, Pa., organizis la monkolekton en la USA.

**Ĝis la 20a de Marto, alvenis ĉe li la jenaj monsendoj:**
Prof. Clarke, Florida, 10.—; S-ro Hastings, Boston, 5.—; S-ro Spence, 1.—; S-ro Morton, New Jersey, 5.—; S-ro Dodge, Washington, 5.—; S-ro Mac Kinney, Arizona, 2.—; S-ro Davies, Detroit 10.—; S-ro Stockard, Florida, 10.—; S-ro Goldberg, New York, 1.—; Ge-sroj Regal, Chicago, 2.—; S-ino Beecher, Ohio 5.—; D-ro Wendell, Minneapolis, 1.—; S-ino Hoade, Philadelphia, 5.—; S-ro Hand, 2.—; F-ino Orloff, Boston 5.—; F-ino Schulz, Los Angeles, 5.—; F-ino Anshutz, Los Angeles, 2.—; S-ro Ames, San Francisco, 3.50; S-ino Whittam, 5.—; S-ro Pease, New York, 2.—; S-ro Blaker 5.—; S-ro Briggs, Milwaukee, 18.— (por la Klubo); F-ino Picozi, Philadelphia, 1.—; S-ino Walter, Washington, 5.—; Gesinjoroj Rouse, Philadelphia, 3.—; S-ino Stern, Cleveland, 1.—; S-ro Ziegenhagen, 1.—; S-ro Breitman, New York, 1.—; S-ro Breth, Penna, 2.—; F-ino Lohse, 1.—; S-ro Horne, California, 4.50; Twin City Esperanto Club, 2.—; D-ro Cottrell, Washington, 5.—; S-ino Dave A. Morris, New York, 40.—.

Tuta sumo kolektita ĝis 20 Marto 1940, laŭ letero 23. 3. 40 178.— elspezoj 5.—, neta sumo . . . . . . USA Dolaroj 173.—

(Rimarko: La supran liston ni kopiis rapide, ne kompletigante la adresojn kio postulus rekontrolon en sliparo)

# Kalevala

## 41-a runo.

Travidinte ne uzitajn manuskriptojn, ni trovis la jenan tradukon de la 41-a runo el Kalevala la eposo finna. Tradukis ĝin Joh. Edv. Leppäkoski en Käkisalmi-Kexholm, loko ĉe Ladoga-Lago.

---

Serioza Väjnämöjnen,
la eterna prakantisto,
siajn fingrojn faris pretaj,
la poleksojn lavis puraj,
sur ĝojŝtono sin sidigis,
rulis sin sur runoroko,
saltis al arĝentaltaĵo,
sur monteton oran iris.

Tien li ludilon tiris,
citron sur genuojn levis,
kaptis la k a n t e l o n kurban;
vorton diris, tiel diktis:
„Volu, venu nun aŭskulti
kiu ne antaŭe aŭdis,
ĝojon de l'eternaj runoj,
tonojn de kantel' kantanta.

Jen maljuna Väjnämöjnen
bone palpis, bele ludis
la ezoko-ostan citron,
la kantelon fiŝokapan.
Saltis siaj fingroj vigle,
la polekso lerte ludis.

Jam nun ĝojo iĝis ĝoja,
gaja kanto hele sonis,
ludo fluis kiel ludo,
kant' impresis kiel kanto.
Dolĉe sonis dent' ezoka,
fiŝkrani' fontanis versojn,
hurlis haroj de ĉevalo,
resonoris citrorandoj.

Tiel ludis Väjnämöjnen.
En arbar' ne estis iu
kvarpiede kuradanta,
nek longkrure trotetanta,
kiu al la ĝoj' ne venis
por aŭskulti, por admiri.

La sciuroj saltetadis
laŭ la arboj, laŭ la branĉoj,
la ermenoj kudrilkuris,
ĵetis sin sur la barilojn.
Alkoj en arbar' saltadis,
linkoj ludis rondodancon.

Eĉ vekiĝis lup' el marĉo,
levis urso sin sur kampo
el la nesto pinobranĉa,
el picea bosko densa.
Lupo kuris kampojn larĝajn,
urso longajn vojojn vagis;
fine sur baril' sidiĝis,
sur pordegon sin ekĵetis:
la baril' sur rokon falis,
rompis sin pordeg' sur kampon.
Urs' eksaltis en piceon,
rapidgrimpis en pinegon,
por aŭskulti, por admiri
la ludadon, la ĝojadon.

Jen Tapio prizorgema,
Metsola mem mastro digna,
familio de Tapio,
nimfoj, faŭnoj, feoj, elfoj
sur montverton vigle venis
por percepti la ludadon.
Ankaŭ mem arbarmastrino,
beledzino de Tapio,
per bluŝtrumpoj sin ornamis,
ŝuojn per ruĝlaĉoj ligis;
saltis sur betulo-ŝultron,
ĵetis sin sur alno-dorson
por aŭskulti la ludadon,
por percepti la muzikon.

Kiom estis da birdaroj
duflugile duŝflugantaj,
tiuj venis turnovente,
alrapidis sagsimile
por aŭskulti, por admiri
la dolĉaĵon, la ĝojadon.

Kiam aglo hejme aŭdis
tiun dolĉan finnan ludon,
ĝi forlasis sian neston,
sian neston, siajn idojn,
flugis al l'agrabla ludo,
al muzik' de Väjnämöinen.

El alteco agloj flugis,
falkoj fulmis tra la nuboj,
hiemaloj el mezmaro,
cignoj ĉarmaj el marĉaroj.
Ankaŭ fringoj triletantaj,
birdoj etaj pepetantaj,
centoj da silvioj valaj,
mil alaŭdoj el aero,
en aero admiradis,
sur la ŝultroj babiladis,
dum la patro faris ĝojon,
bele ludis Väjnämöjnen.

Mem la nimfoj de l' aero,
la filinoj de naturo
la ĝojadon admiradis,
aŭskultadis la muzikon;
unuj sur la firmamento,
sur ĉiela arko helis,
la aliaj dande brilis
sur nubeto ruĝaranda.

Tiu lerta Lunfilino
kaj la ĉarma Sunonimfo
tenas siajn tekskombilojn,
la teksilfadenojn turnas,
teksas ŝtofon el la oro,
ŝalon el arĝento faras
sur la rand' de ruĝa nubo,
sur ĉiela arko longa.

Kiam ilin jam atingis
tonoj de la mirmuziko,
jam ekfalis el la manoj
la bobenoj, la kombiloj,
disrompiĝis l'orfadenoj,
la arĝentaj teksildratoj.

Nek en lago, nek en maro
nun ekzistis tia ulo
sesnaĝile naĝadanta,
sin remanta sub la akvo,
kiu al ĝoj' ne venis,
por auskulti, por admiri.

Naĝas nudaj nukezokoj,
fokoj fortaj svarme venas,
salmoj rulas sin de rifoj,
koregonoj el profundoj,
leŭcisketoj, perkoj, perĉoj,
eĉ blanket-koregonetoj
alpenetras al la bordo,
inter kanojn, flank' al flanko
por aŭskulti la kantadon,
por percepti la muzikon.
Ahto, reĝo de la ondoj,
la akvano herbobarba
sin altigis al surfaco
kaj kuŝiĝis ĉe nimfeo
por aŭskulti la ludadon.
Mem eldiris tiuvorte:
"La egalon mi neniam
dum la tuta vivo aŭdis
kiel ludas Väjnämöjnen,
la eterna prakantisto.
Sotkotar-fratinoj ĉarmaj,
la bordanoj, ĉe la kanoj
kombis sian haron ambaŭ
kaj brosadis, frotetadis
per arĝent-tenila broso
kaj per ora kombileto

Ili aŭdis maloftaĵon,
la muzikon senkomparan:
bros' ekglitis en la ondojn
kaj kombil' sub akvo dronis.
Nekombitaj restis haroj
kaj senordaj la buklaroj.
Vellamo, reĝin' de l'ondoj,
la mastrino kanobrusta,
jam sin levas el la maro,
el la ondoj sin eltiris;
naĝas al la bordkanaro,
turnas sin sur kaŝan rifon
por aŭskulti tiujn tonojn,
la ludadon de la Väjnö,
melodiojn neaŭditajn,
la muzikon superbelan.
Jen en dormon ŝi endormis,
restis kuŝi kun la ventro
sur la dorso de la ŝtono,
sur la ŝultro del' rokero.
La maljuna Väjnämöjnen
ludis tagon, ludis duan.
Ne ekzistis tia viro,
nek heroo, nek bravulo,
nek fianĉo, nek virino,
nek portant' de belbuklaro,
kiun tio ne plorigis,
kies koro ne degelis.

Ploris junaj, ploris aĝaj,
ploris viroj senedzinaj,
ploris viroj edziĝintaj,
ploris knaboj kaj knabinoj,
ploris junaj fianĉinoj,
ploris eĉ la suĉinfanoj,
ĉar la melodioj ĉarmis,
la muziko igis muta.

Eĉ ĉe l'aĝa Väjnämöjnen
larmo glitis laŭ la vango,
gutoj el okuloj fluis,
forfaladis akvoperloj
grandaj pli ol oksikokoj,
pli abundaj ol pizaroj,
rondaj pli ol tetraj ovoj,
pezaj pli ol hirundkapoj.

Larmoj fluis el okulo,
gutoj el alia bolis,
falis sur la vangopintojn,
sur vizaĝon belan lian,
de l'vizaĝo bela glitis
sur mentonon larĝan lian,
de l'mentono larĝa fluis
sur la pompan bruston lian,
de la pompa brust' ruliĝis
sur genuojn fortajn liajn,
de l' genuoj fortaj falis
sur la noblajn metatarsojn,
de la noblaj metatarsoj
teren, sub piedojn liajn
tra kvin siajn lanmantelojn,
tra ses siaj zonoj oraj,
tra sep bluaj silkotogoj,
tra ok krudaj drapkaftanoj.

Ruliĝadis plu la larmoj
de l' maljuna Väjnämöjnen
sur la bordon de l' blumaro,
de la bordo de l' blumaro
en la akvon de profundoj,
sur la fundon, en mallumon.

Jen maljuna Väjnämöjnen
mem eldiris tiuvorte:
„Ĉu ekzistas en ĉi tiuj
junularo, belularo,
en ĉi tiu granda gento,
en la vasta avidaro
serĉivol' de miaj larmoj
de sub akvo de profundoj?"
La junuloj tiel diras,
maljunuloj respondadas:
„Ne ekzistas en ĉi tiuj
junularo, belularo,
en ĉi tiu granda gento,
en la vasta avidaro
serĉivol' de viaj larmoj
de sub akvo de profundoj."

Jen maljuna Väjnämöjnen
nem eldiris tiuvorte:
"Kiu portas miajn larmojn,
mankolektus l'akvogutojn
de sub akvo de profundoj,
al li donus mi plumpelton."

Venis korvo penflugante.
Diris tiam Väjnämöjnen:
"Portu, korvo, miajn larmojn
el la akvo de profundo.
Mi al vi plumpelton donos."

Sed ne povis korvo porti.
Aŭdis tion bluklangolo,
ĝi alvenis, ĝi alflugis.

Diris tiam Väjnämöjnen:
"Ofte vi, ho, bluklangolo,
kun la kap' malsupre plunĝas,
vigle sub la akvo naĝas.
Iru, serĉu miajn larmojn
el la akvo del profundoj.
Vi ricevos bonsalajron;
mi al vi plumpelton donos.

Iris bluklangol' por serĉi
larmojn de la Väjnämöjnen
el la akvo de profundoj,
de sur fundo, el mallumo.

Ĝi el mar' la larmojn serĉis,
portis al la Väjnämöjnen;
ili estis jam aliaj,
sanĝiĝintaj, belkreskintaj,
fariĝintaj perloj belaj,
ostraj perloj beliĝintaj,
fariĝintaj reĝornamoj,
gojiĝiloj de la ĉefoj.

# Admiralo de l'Paco.

Dum ĉi-tiuj tempoj, kiam ni ĉiutage aŭdas la komunikojn de la admiralstaboj pri torpedado de ŝipoj, estas konsolige sekvi la raportojn de admiralo, troviĝanta sur vojo de nemilita konkerado. Komence de Februaro, la „Bear“, la ekspedicia ŝipo de Richard Evelyn Byrd, forlasis la stacion Little America por esplori novajn regionojn de la antarktika kontinento. Tiel la puŝo al spaco kaj scio malkovrigis mondparton, kiu sub eterna glacio kaŝas krudmateriojn, konkerotajn en la batalo kontraŭ la naturo kaj ne kontraŭ la homoj.

Admiralo Byrd„ venkinto de du polusoj“, tiel sonas lia titolo. Ĝi similas al la distingo de l'nobleco de pasintaj jarcentoj. Estante knabo, Byrd volis fariĝi maristo. Sur ŝipo li vundiĝis je la kruro kaj li ne povis plu servi kiel maristo. Tiam li iris al tiu ĉi trupo, kiu ne bezonas marŝi, ĉe la aviadistoj. 1917 li finis la pilotkurson en Pensacola kaj 1919 li sin anoncis por transatlantika flugo, decidita de la usona maristaro. Li ne ricevis la permeson, kio estas komenco de serio de eksterordinaraj bonŝancoj por li. La aviadiloj, kiuj ne volis lin kunpreni, malsukcesis. Aerŝipo nefleksebla, sur kiu Byrd devis servi, detruiĝis ĵus antaŭ li devis okupi sian postenon. La direktebla aerŝipo ZR 2 startis por la transatlantika flugo. Byrd kiu devis partopreni, mankis la vagonaron kiu devis lin alkonduki. La aerŝipo detruiĝis dum la veturo kaj falis en maron super la enbuŝiĝo de la rivero Humber. Kvardekkvin viktimoj, sed sen Byrd.

Byrd planis propran Arktik-ekspedicion. Li volis flugi kiel unua super la Norda Poluso. Li serĉis ĉie la rimedojn, de Rockefeller ĝis Ford. Fine la filo de Ford, Edsel, helpis lin. Majo 1926 post kelkmonata preparo, la aviadilo de Byrd leviĝis en la Kingsbay kaj flugis super la Norda Poluso. Jaron poste li transflugis la oceanon de New-York al Francujo, 4200 mejlojn dum 42 horoj. Kaj en Novembro 1929 li flugis super la Suda Poluso.

Longtempe la homoj kredis, ke la Antarktiko estas nur maro kaj glacio. Fortigis tiun ĉi supozon je la fino de la 18-a jarcento, la esploristo James Cook. La kuraĝegaj esploristoj James Ross kaj Dumont d'Urville konigis la ekziston de nova ankoraŭ ne surpaŝita kontinento de l'Antarktiko.

La unua ekspedicio al la Suda Poluso kun aviadiloj estis la „Norvegia“ de 1926. Ĝi havis la taskon, esplori la antarktikajn akvojn por la celoj de l'norvega balenkaptado kaj serĉi apogpunktojn por la politika posedpreno. En la jaroj 1929-30 sekvis la ekspedicio de la „Discovery“ sub la gvido de Sir Douglas Mawson. Dum esplora flugo 1929 kun la aviadisto Eielson konstatis Sir Hubert Wilkins nekonatan landon, kiu verŝajne estis la antarktika kontinento kaj kion li nomis laŭ la financisto de l'entrepreno, Hearstland.

Aŭgusto 1928 la ekspediciaj ŝipoj de Byrd „City of New-York“ kaj „Eleanor Bolling“ veturis suden. Fariĝis kristnasko, komenciĝo de l'antarktika somero, kiam ili ekvidis la glacimuron ĉe la Ross-Maro. En la Balen-Golfo oni starigis la ĉefstacion: Little Amerika.

Byrd estis ĉirkaŭata de sesdek partoprenantoj li havis kun si bibliotekon de dumil volumoj, pianon, muzikinstrumentojn kaj tri gramofonojn. Byrd ne volis sukcesojn laŭ hazardo, li sciis, ke lia intenco postulas multan tempon kaj li laboris kun ĉiuj iloj de la moderna scienco. Estis starigitaj domoj, kunigeblaj neĝkabanoj, laborejoj kaj deponejoj, plie la antenojn. La ŝipoj reveturis hejmen por ne resti en la glacio, tiel la stacio ne plu povis rilati kun la cetera mondo. Solece, ĉirkaŭita de la maro kuŝas la Sudlando. Minace alproksimiĝis la antarktika vintro. Post sufiĉa tempo de preparado komenciĝis la esplor-flugoj. Byrd surflugis landon neniam viditan kaj kiun li nomis „Mary Byrd Land“. Impona montaro, komparebla al la plej granda de la ekonomiaj trustoj li, nomis „Rockefeller Range“. Iom post iom la blankaĵoj sur la mapo ricevas nomojn. Detruiĝis dum Marto la aparato de piloto Balchen. Difektiĝis la radio-ilaro kaj ĉesiĝis la rilatoj kun la ĉefstacio.

Tiam Byrd mem forflugis por serĉi siajn kunulojn. En la nuda soleco de la glaciejoj li retrovas la perditan grupon de esploristoj. La help-aviadilo ne havis sufiĉan spacon por ĉiuj. Byrd restis kun Gould. la scienca direktanto de la ekspedicio. Estas tre malverŝajne, ke iam aviadilo povos albordiĝi je tiu ĉi sama loko. Sed Byrd scias, ke oni ne konkeras la poluson sole per la maŝino sed ankaŭ per la koro.

Monatoj kaj jaroj da laboro por termezuristoj necesus por starigi la topografion de la regionoj kiujn prilaboris la kamero de la Byrd-ekspedicio. Centkvindek kvadratkilometroj de la Balen-Golfo estis mezuritaj el alteco de 2300 metroj. Daŭris preskaŭ unu jaro ĝis finis la preparlaboroj por riski la flugadon al la poluso mem. Je la 28a de Novembro 1929 okazis la flugado, longa je 1600 anglaj mejloj proksimume 2600 kilometroj, ire kaj revene.

„Dum sekundoj ni ŝvebis super la loko kie staris Amundsen 1911 kaj Scott 34 tagojn pli malfrue. Je ilia honoro ni portis la flagojn de iliaj landoj super la Poluso. Nenio en la senfina neĝdezerto supozigas, ke tiu ĉi loko estas la Poluso.“

Estis 1 h 14 laŭ Grenwich tempo, kiam ili atingis la punkton. Post 19 hora veturo ili albordiĝis ree en Little America.

Depost tiu ĉi tempo Byrd entreprenis pliajn ekspediciojn ĝis li nun ree veturis al la blanka lando de la Antarktiko, dume maltrankvilo kaj milito trakuras la mondon.

Tridektri homoj de la nova Byrd ekspedicio albordiĝis en Little America. Ili devas esplori dum 14 monatoj la internajn regionojn. Dume la „Bear“ starigos novan bazon, mil mejlojn pli malproksimen, de kie ĉiam novaj ekskursoj estas entreprenataj en la nekonata lando. Estas ne sole geografiaj demandoj, kiuj postulas solvon. Per la spertoj, kolektotaj de la ekspedicio, plilarĝiĝas faktoj de la fiziko, meteorologio, geologio, biologio kaj de la mara scienco. Sed ankaŭ tiu ĉi ekspedicio hejmenportos la rezultojn de ĝia laborado, plifortigas tiu ĉi verko de Admiralo Byrd la konvinkon, ke kuraĝeco kaj oferemo ankoraŭ efikas en la servo de la vivo.

Prilaboris: François Hayotte.

# La Norda Tragedio

La milita disputo de la grandpotencoj, ne progresas en la arde dezirata frakaso de l'malamiko. Venkoplena ĝis nun estis unu el militantoj . . . . kontraŭ la neŭtralaj ŝtatoj, laŭ militista vidpunkto malfortaj. Denove la senskrupula uzo de momenta supereco trovis viktimojn. Kaj estas efektiva tragedio, ke la sorto batis popolojn, kies sinteno dum jardekoj servis kiel ekzemplo por la ideo de l'paco per la rajto.

Tiu ĉi neniam pravigebla kaj per neniu jurista harfendado klarigebla atako al du liberaj ŝtatoj ja ne devus mirigi iun ajn. Estas la sama eraro, kiu sin montris tiom sekvohava en la pasinto. En la konfesoj de la estro de Germanujo al grava funkciulo de l' reĝimo, pri la celoj atingotaj, troviĝas la jena ero:

„Mi forĝas ŝtalkernon de nova Imperio, kies ligiloj estos nedetrueblaj. Aŭstrio, Bohemio kaj Moravio, la Okcidento Pola. Bloko de centmilionoj da homoj, nerompebla, sen fendaĵo kaj sen liberaj malplimultoj. Jen la fundo solida de nia superregado. Ĉirkaŭ tiu ĉi bloko, unue ia konfederacio de l' Eŭropo Orienta. Polujo, la Baltaj ŝtatoj, Hungarlando, la Balkanaj ŝtatoj, Ukraino, la Volga regiono kaj Georgio. Konfederacio sendube, sed en kiu la partianoj ne havos la samajn rajtojn, kiel la germanoj. Unuiĝo de help-popoloj, sen armeo, sen propra politiko, sen propra ekonomio. Kaj mi ne pensas eĉ momenteton, cedi ion al iu el ĉi tiuj landoj sur bazo humaneca. Ekzemple, Hungarlando por la restarigo de ĝiaj estintaj limoj. Mi ne faros ian diferencon inter amikoj kaj malamikoj. La epoko de la malgrandaj ŝtatoj estas finita. Plie alia sistemo de vasalŝtatoj en la Okcidento: Konfederacio el Nederlando, Flandrujo kaj la Franca Nordo. Fine Norda Konfederacio: Danemarko, Svedlando kaj Norvegio."

Oni konsideris ĉi tiujn konfesojn kiel fantaziaĵojn de lerta verkisto, serĉanta sukceson ĉe senzacia legantaro. La metoda sinsekvo de la okazantaĵoj pruvas la malon. Kaj ĉu tiu ĉi giganta plano ne respondas al la populara kanto tiom aŭdita: „Al ni Germanlando hodiaŭ, kaj morgaŭ la tuta mond'."

La Nordo de Europo ludis ĉiam distingan rolon en la spirita vivo germana. Oni ĝin konsideris kiel la lulilon de la propra popolo, kio klarigas ankaŭ la tre grandan ŝaton kiun trovis nordaj verkistoj en Germanujo. Pli malpli la Nordo estis konsiderita „kiel spirita provinco", kiel avanposteno de la germaneco. Kaj ne malmultaj skandinavianoj aliĝis al la germana pensmaniero. Malmultaj homoj povis kompreni la strangan sintenon de fama verkisto Knut Hamsun, kiam temis mobilizi la tutmondan opinion favore de kuraĝa pacifisto germana Carl von Ossietzky, por ke li ricevu la Nobelpremion por la paco. Knut Hamsun ne malaprobis la malbontraktadon de la heroeca batalinto por vero kaj justo!

Pasis apenaŭ unu jaro, ke la fidema Dana registaro konkludis pakton de ne-atako kun Germanujo. Ĉu necesas plia pruvo, ke interkonsentoj, paktoj, kontraktoj estas nur oportunismaj instrumentoj, ignorataj tuj, se nova konstelacio tion postulos? La kapto de Danemarko ja ne estas heroeca ago. Ĝi estis la sola lando kiu praktike senarmiĝis, fidinte iam al al funkciado de la Ligo de Nacioj kaj konsiderante, ke la situacio geografia kiel ankaŭ la tranĉa malproporcio de reala forto ne permesas rezistadon al atakonto. La Dana popolo tiom gaja kaj vivĝoja estas terure punata pro tiu ĉi fidema optimismo.

Trudas sin nun ankaŭ alia penso. La kvar Nordaj ŝtatoj, Finnlando, Svedujo, Norvegio kaj Danemarko havas preskaŭ identajn interesojn, inter ili kiel ĉefan, la konservon de propra sendependeco kontraŭ potenca najbaro. La estinta rivaleco rus-germana, permesis balancadon inter la du grandpotencoj. Tiu ĉi ebleco malaperis post la Sovet-germana interkonsento. Finnlando devis elteni la unuan puŝegon. Klarvidaj homoj en la Nordo komprenis la historian momenton. Sed saturitaj de pacemo kaj pacifismo, ĉiu el la ceteraj ŝtatoj barikadis sin malantaŭ la neŭtraleco, truigita jam de longe. La norda solidareco estus povinta ludi gravan faktoron en la tutmonda konflikto, sed hezitemo, fido kaj pacemo malebligis realigi ĝin en momento ankoraŭ taŭga.

La sekvoj de la posedpreno ne estas ankoraŭ klare videblaj. La okupinto trovas por la momento en Danemarko multajn provizojn. Danaj buteroj, ŝinko kaj ovoj malaperos de la vendoplaco de aliaj landoj. La or-rezervo de la Nacia Banko ja ne iris la saman vojon kiel la aŭstria kaj la ĉeĥoslovaka. Ĝi jam estis transportita en eksterlando pasintjare verŝajne iom post la konkludo de la pakto kun Germanujo. La navigado floranta de Danemarko kaj Norvegio estas senigata de ĝia natura bazo. Dume defendas sin malespere la Norvegoj kies rezistopovo estis subminita de aro da perfiduloj kaj ambiciuloj, aspirantaj je la „Führer" rolo.

Ne malgravan rolon en tiu ĉi tragedio ludis la influo de la apostoloj de la Tria regno. Sub variaj formoj la propagando por la nova evangelio penetris la Nordon. Kaj trovis anojn en rondoj influhavaj. Averto al popoloj kaj registaroj de ceteraj regnoj, observi tiajn rondojn kiuj eĉ sub kultura masko celas la „Anschluss" aŭ la protektorecon.

Rea viktimo en tiu ĉi okazo estas F i n n l a n d o. Senigita de valoraj industriaj regionoj premegata de potenca najbaro, la Finna popolo kuraĝe komencigis rekonstruon. Ĝi povis kalkuli je la larĝa helpo de la ceteraj Nordaj ŝtatoj. La nova situacio senigas ĝin ne nur de helpemaj fratoj, sed ankaŭ de la ebleco libere rilati kun transmaro. En preskaŭ simila situacio troviĝas nun Svedlando. La sendependeco de tiu ĉi lando estas grave minacata kaj ĉiu tago povas okazi la atako.

En tiu ĉi epizodo, tiom dolora ĝi estas tamen troviĝas io, kio konsoligas. Kiel ajn finos la milito, io estos certa: La konfederiĝo de la Skandinavaj ŝtatoj de Danemarko ĝis Finnlando, interne memstaraj ŝtatoj, ekstere formontaj blokon por sin defendi. La altgrada eduko, la realigita progreso en ĉiuj fakoj de homa agado kiel oni povas konstati en Skandinavio, sukcesos venki ankaŭ tiun ĉi malbonon kaj atingi novan formon de efektiva kunhelpo en danĝero.

Georgo Agricola.

# Ruĝaj kandeloj

**de E. Tinkler.**

Hodiaŭ nokte staras sur mia tablo du ruĝaj kandeloj, ĉiu en alta arĝenta kandelingo. Rigardante supren al la fenestro, mi povas vidi la rondan oran aŭtunan lunon. Brilante tra la vitraĵoj, ĝi ĵetas sur la plankon desegnon de dek ses malgrandaj kvadratoj, kaj ĝia lumo tuŝas la arĝenton. Sed por esti forte ravita de simpla ĉiutaga afero, vi devus vidi ĝin kiel mi ĝin vidas en la nuna momento.

En ĉi tiu sezono de nia jaro, kiam

*Bartolomeo la sankta*
*Roson malvarman alportas*

estas ja agrable kaj gajige almeti al la vespera fajro alumeton, lumigi la kandelojn, kaj el la krepuska horo fari memoron — la memoron pri certa ĉapitro legita, pri letero skribita — aŭ, kun peco da trikaĵo en la fingroj, horon da pensado pri amiko. Ni perdas la arton esti kvietaj, kvazaŭ io estas en malordo, se ni ne ĉiam estas aŭ irantaj aŭ venantaj . . . .

Dum estingiĝas la vespera ĉielruĝo, la luno nun brilas pli kaj pli hele en la kvietan ĉambron. La kurtenojn oni neniam kuntiras, ĝis plene mallumiĝis, ĝis la arboj perdiĝis. Sed hodiaŭ nokte estas klare kaj brile, kaj la kurtenoj restas malfermitaj — plene malfermitaj — por ke la okulo povu ĝui la kontraston inter lunlumita ĝardeno kaj fajrlumita ĉambro.

„Kiam mi havos domon", diris unu saĝa infano, „ĝi estos plena de libroj kaj ĉirkaŭita de floroj". Oni demandas al si, ĉu la deziro iam efektiviĝis, aŭ ĉu la infano, kreskinte ĝis virineco, trovis sian revon ankoraŭ neplenumita.

La ordo de la tago ŝanĝiĝas kun la paso de somero. La urbanoj ne estas la solaj, kiuj malfrue enlitiĝas. Sur la kamparo ni antaŭrigardas al la longaj vintrovesperoj, kaj ni plilongigas ilin, restante eksterlite ĝis pli malfrue — ofte ĝis noktomezo. De tempo al tempo ni rigardas tien kaj reen sur la vojo, kaj faras rimarkojn pri iu najbaro, kiu estas tiel malfrua, kiel ni. Aŭ ni vidas transe ĉe la farmdomo lumon, kiu ekbrilas el la fenestro de la malnova sidoĉambro. Subite tiu lumo estingiĝas, kaj ŝanceliĝa flagreto baldaŭ montras, ke iu portas kandelon laŭ la koridoro supre. La najbaroj tiom interesiĝas pri la lumigado de niaj fenestroj, ke iufoje oni demandas nin, kial hieraŭ nokte estis tri lumoj, kie ordinare estas nur du. Kaj ni provas diveni la kaŭzon. Eble nur pordo ne tute fermita, kiu tralasas radion de lumo. Tiel malproksimen eĉ malgranda kandelo ĵetas siajn radiojn.

Ĉi tie sur la kamparo, antaŭ ol aranĝi feston, dancon, aŭ kunvenon, oni nepre demandas, ĉu estos lunlumo. Tiam ni aranĝas la aferon tiel, ke la luno lumigu al ni la vojon hejmen, ĉar sur la vojetoj ne troviĝas lanternoj, kaj ni fidas al nia fratino, la luno, por ŝia helpo.

Endome ni havas kandelojn kaj lampojn. „Ĉu vi ne trovas ke lampoj ĝenas vin?" Jen demando, kiun oni ofte metas al ni. Eble ni ne estas tiel verdiraj, kiel ni povus esti. Ni evitas rektan respondon. „Nu, ili ja postulas iom da atento . . . ." Ni neniam konfesas plu. Nur kiam la vizitanto decidiĝis je longa restado, povas okazi iun vesperon, ke neniu memoris plenigi la lampon. „Ne grave", ni diras, „estas jam tro malfrue. Ni havu la kandelojn". Tiam per vaksa kandeleto ni lumigas unu post alia la du ruĝajn kandelojn en la altaj arĝentaj kandelingoj sur la tablo, du sur la piano, kaj du aliajn aliloke. Ĉe mia kubuto staras malgranda sed tre alta mahagona tablo, kiu akompanas min kiam mi ŝanĝas sidlokon en la ĉambro. Ĝi havas ĝuste sufiĉe da spaco por kandelo kaj libro, sed je la kuŝiĝa horo mia taso da kakao anstataŭas la libron. Kiam la kato estas en kamarada humoro, ĝi plezure sidas tie dekstre de mi kvazaŭ sur piedestalo, kaj estas facile atingebla por karesado.

La horloĝo en la turo brue sonoras, batante ne nur la horojn, sed ankaŭ la kvaronojn. La preĝejo staras ĉe la supra fino de la ĝardeno, kie antikva filiko-kovrita muro formas limon inter ni kaj la „Agro de Dio". Ĵus batis la deka horo. Pasis nur kelke da semajnoj, de kiam en la nuna horo ni promenis en la ĝardeno sub ĉielo ankoraŭ luma, serĉante limakojn sub la rokejaj ŝtonoj, aŭ ĉirkaŭligante la pezajn florkapojn. Nun, post la subiro de la luno, se iu havas malfruan leteron por la poŝto, ni deprenas la lanternon de malantaŭ la pordo, enmetas stumpon de ruĝa kandelo, kaj, tiel lumate, eliras en la veluran mallumon. Kiel sonĝosimila aspektas la ĝardeno sub kandela lumo; kvazaŭ la floroj subite surpriziĝis el sia dormo. La floksoj ŝajnas nur okuloj; kaj la trikolorvioloj, mi povus aserti, turnas la kapojn, por rigardadi, dum ni preterpasas laŭ la rosbriletante lavenda aleo. Sur la vojeto superpendantaj arboj plidensigas la mallumon; sed la gaja lumeto, kiun ni portas, elĵetas fantaziajn briletojn, farante belaj kaj interesaj eĉ la ŝtonojn nerimarkitajn en la tago. Kunikloj rapide transkuras la vojeton. Vesperto, konfuzita de la lumo, subite frapas nin, zumante; kaj la blankaj strigoj, flugetante, eligas sian malgajan krion. Kaj, pensante pri nia propra fantomo, kiu laŭdire hantas la malnovan ĝardenon, ni rapide revenas, timante aŭdi malantaŭ ni tiujn sekvantajn paŝojn, kiuj, unufoje aŭditaj, ne facile forgesiĝas.

Jen la brilplena fenestro, kaj interne la familia grupo leganta sub la lumo de ruĝaj kandeloj. La granda fago subite balanciĝas kaj knaras, dum preterblovas furioze la mara vento.

Fermu rapide la pordon! Trad. R. M.

Laŭ permeso de l'aŭtorino.



# Internacia Foiro Budapest 1940

26 APRILO ĜIS 6a de Majo

Agrabla rememorigo al estinto.... tiel prezentiĝas al ni bela faldprospekto en Esperanto de la Foiro de Budapest. Spite la malfavorega tempo, la ĉikanoj ĉiaspecaj kaj konataj, la direkcio de la Foiro ne malkuraĝiĝis, kiel pruvas la promesplena invito al nunjara Foiro. La prospekto kiel kutime plej elegante presita, arta presaĵo en ĉiu direkto, informas pri la foiro donas utilajn sciigojn pri la vojaĝo, rabatoj kaj favoroj. Budapest estas la plej bela, plej pacema kaj plej sentimenta urbo de Mezeŭropo, diras la prospekto. Kaj kiu tion kontraŭdiras, tiu malpravas!

Kiel kutime aperis ankaŭ bela glumarko same arte presita. Ni deziras al tiu ĉi manifestado paca, la **meritatan sukceson.**

Samideanoj kiuj deziras ricevi ekzempleron del prospekto sin turnu al Turisma Servo de UEA, Palais Wilson, Genève.

# Niaj Mortintoj

**Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.**

**Sinjoro Georg Habellok, Berlino,** Marto 1940, post kelktaga suferado, 60 jaraĝa. Malaperis, per tiu ĉi samideano unu el la lastaj funkciuloj de la Germana Esperanto-Asocio. Fervoja inspektoro, Habellok multe klopodis en fervoja medio, verkis fakan vortaron kaj estis plej aktiva laboranto en la tiama Fervojista E Asocio en Germanujo. De 1926 li estis sekretario de la Germana E Asocio kaj de 1930 ĝis 1935 la afergvidanto. Modesta kaj senpretenda homo, kies granda ĉagreno estis la ĉesigo de nia movado en sia lando.

**Sinjoro Austerlitz Tivadar,** advokato, en Preŝov, Slovakio, 15an de Aprilo 1940. Malnova Esperantisto kaj fidela membro de UEA, seninterrompe de 1913 kaj Delegito en sia loko, trovebla en la jarlibroj de „antaŭ lasta mondmilito" sub Eperjes.

**Sinjoro Hugh Noel Nowell,** DM de UEA 172 kaj D en Sandwich, Kent, 18 Marto 1940.



# Beginning English for the Levant

S-ro Roy T. Arnold, P. O. Box 173, Riverside Cal., Usono, serĉas la libron „Beginning English for the Levant", verkitan de Watson. Eldonis ĝin Istanbula Kolegio Angla. Samideanoj turkaj, grekaj, egiptaj, palestinaj, kiuj konas tiun ĉi libron informu lin pri prezo kaj sendebleco.

# Universala Esperanto-Asocio

**Palais Wilson, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**1940 — Aprilo — N-ro 4**

**Itala Peranto.** Por faciligi al italaj amikoj de UEA, la pagon de l'abono, estas nomata peranto de UEA por la jaro 1940, Sinjoro

Paolo B o s s i en Parabiago (Milano)
Postĉeka konto 3.23171

kiu akceptas la pagojn kaj informas pri tio la Centran Oficejon en Genève.

**Presigo de ESPERANTO.** Probable la abonantoj rimarkis, ke io ne funkcias kiel devus. Certaj komplikaĵoj en la sendo kaj ricevo de la manuskriptoj kaj presprovaĵoj devigis nin ŝanĝi la preslokon. Estas atendeble, ke post nelonge la gazeto aperos regule je la monatfino.

**Premio de frupago.** Pro la malfruiĝo en la dissendo de la unua numero de ESPERANTO de la jaro 1940, la membroj ne konis ĝustatempe la premiojn de 1940. Ni tial plilongigas la datlimon por rajto je la premio **ĝis** 31a de Majo 1940.

**Faka Delegito por Ĵurnalismo:**

S-ro Nicolas Davidovits-Dénes, redaktoro, Parisi Hirlap 7 rue Scribe, Paris 9.

**Noto**

Pro interrompo de la komunikoj, ne aperis pasintjare la nomo de Subtenanto:

John M. Baxter, (28828) en Glasgow, Skotlando, fidela Subtenanto de UEA.

**Subtenantoj.** La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1940 kiel Subtenantoj. Al ili ni sendas nian koran dankon.

**Tria listo:**

21. S-ino Dave A. Morris, New York, U. S. A.
22. S-ro Joseph W. Dubin, Philadelphia, Pa., U. S. A.
23. S-ro Harry G. Schatz, Brooklyn, N. Y., U. S. A.
24. S-ro Ed. Ducommun, Les Brenets, Svislando.
25. S-ro E. E. Salberg, Selce, Jugoslavio.
26. Sennomulo, Nederlando.
27. S-ro Jozef de Maeyer, Nijvel, Belgujo.
28. S-ro Deziderij Mizerit, Ljubljana, Jugoslavio.
29. S-ro Ch. W. Ballard, Melbourne, Vic. Aŭstralio.
30. S-ro G. Rotach, Wabern, Svislando.

**Statistiko**

**La ampleksa movado de korespondaĵoj de Oktobro ĝis Decembro 1939 senteble malaltiĝis. Pro diversaj kaŭzoj, la perado de korespondaĵoj estas malhelpata. Spite tio, la Centra Oficejo de UEA ne bezonas plendi pro manko de movado kiel montras la ciferoj de la korespondaĵoj forsenditaj dum la unua kvaronjaro 1940:**

| Monato | Leteroj | Poŝtkartoj | Presaĵoj | Sume |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 788 | 66 | 1791 | 2645 |
| Februaro | 416 | 45 | 554 | 1015 |
| Marto | 396 | 34 | 1288 | 1718 |
| 1-a Kvaronjaro: | 1600 | 145 | 3633 | 5378 |

# Esperantista Interhelpo

Militrifuĝinto el Varsovio, 37-jara devas serĉi novan hejmlandon kaj deziras elmigri al iu ajn Ŝtato de SUD-AMERIKO (aŭ al Kanado). Judo. Fraŭlo. Plensana. Bonkaraktera. Librotenisto, Korespondanto, Maŝinskribas. Parolas flue krom Esperanton anglan, polan, rusan lingvojn. Ankaŭ scias sufiĉe francan kaj germanan. Riĉa sperto en oficejo. Ankaŭ vendisto. Energia, kapabla, laborema, kun iniciativo. Sperta kaj diligenta laboranto. Posedas regulajn paperojn. Politike — sen riproĉo. —

Estas en malfacila situacio, ĉar ne rajtas labori en Litovujo. Kore dankas al bonvolaj Samideanoj, pretaj lin helpi.

Personoj, pretaj lin inviti, sin turnu bonvole plej rapide **PER FLUG-POŜTO** sub adreso: Sinjoro Berkowicz, Vilnius, Filipa 1/23, Litovujo.

## ŜLOSILARO DE ESPERANTO

en tridek lingvoj

Unueca prezo: 0,15 Fr. sv. po ekzemplero
(Tuta kolekto 4 Fr. sv. kun sendo

**Propaganda Servo de UEA, Palais Wilson, Genève**

## La Verkaro de D-ro L. L. Zamenhof devus troviĝi en la biblioteko de ĉiu esperantisto

**Akirante la verkaron de la Majstro, vi ne nur riĉigas vian scion de la lingvo, sed vi partoprenos en la helpo al la Familio de la Majstro, nun en efektiva mizero!**

| | |
|---|---|
| Fundamento de Esperanto, 5 lingva, kartonita | 1.40 |
| Fundamenta Krestomatio | 2.25 |
| Lingvaj Respondoj | 1.15 |
| Proverbaro Esperanta | 1.00 |
| Fabeloj de Andersen: Volumo II | 1.15 |
| „ Volumo III | 1.15 |
| Georgo Dandin | 0.60 |
| Hamleto | 0.85 |
| Ifigenio en Taŭrido | 1.00 |
| „ (Luksa papero) | 1.35 |
| La Rabeno de Baĥaraĥ | 0.70 |
| La Rabistoj | 1.10 |
| „ (Luksa papero) | 1.35 |
| La Revizoro | 1.00 |
| „ (Luksa papero) | 1.35 |
| Marta | 2.00 |
| „ (Luksa papero) | 2.50 |
| Levidoj, libro (el la Biblio) | 0.35 |
| La Predikanto (libro el la Biblio) | 0.35 |

Ĉiuj libroj estas broŝuritaj. La prezoj estas kalkulitaj en **SVISAJ FRANKOJ kaj kun afranko por internacia sendo** kiel presaĵo.

**Eldonisto: Esperantista Centra Librejo, Paris.**

Mendebla ĉe
**Universala Esperanto-Asocio, (Libroservo), Palais Wilson, Genève Svislando**

## Kristana Esperantista Ligo Internacia

C. O. Ivar Karlsson, Box 286
Insjön, Svedujo

Celo: Enkonduki Esperanton en la internaciajn kristanajn rondojn.

Jara kotizo: 6 Respondkuponoj, aŭ egalvaloro kun ricevo de la monata organo: DIA REGNO.

Petu informojn ĉe L. Woudenberg, Hildegonds-straat 25, Bussum Nederlando.

## Belega okazo por akiri Esperanto-Biblioteko n

**Atentu!** **Atentu!**

Ni vendas Bibliotekon, konsistantan el kvindek libroj, binditaj en verda tolo, bone konservitaj. La libraro povus servi kiel fundo de Grupa Biblioteko. Jen la titoloj:

**Amicis, de E.**: Kverko kaj Floro.

**Lengyel, Paul de**: Libro de l'Humoraĵoj.

**Orzeszko E.**: Marta. — La interrompita Kanto.

**Shakespeare**: Makbeto. Hamleto. Kiel plaĉas al vi.

**Turgenjev**: Patroj kaj Filoj.

**Spaak, Paul**: Kaatje. — **Racine**: Athaljo.

**Tristan Bernard**: Angla Lingvo sen Profesoro.

**Mirbeau O.**: Ili estas frenezaj. — **Andrejev L.**: **Ruĝa Rido.**

**Virgilio**: Eneido. — **Schiller**: Wilhelm Tell.

**Charles Dickens**: Bardell kontraŭ Pickwick.

**B. Prus**: La Faraono (Tri volumoj, la tria nebindita.

**Wiseman, Kardinalo**: Fabiola.

**Gogol**: La Revizoro. — **Goethe**: Ifigenio en Taurido.

**Gual**: Mistero de Doloro. — Esperantaj Prozaĵoj.

**Swedenborg**: La dogmaro de la vivo.

**Adèle Kamm**: Eĉ en doloro ni estu ĝojaj.

**Verax**: Enciklopedia Vortareto Esperanta.

**Kabe**: Vortaro de Esperanto.

**Jarkolektoj de Esperantistaj gazetoj**

**Espero Pacifista**: Kvar jaroj en du volumoj.

**Svisa Espero**: Kvar jarkolektoj, 1904, 1906, 1907, 1908.

**Lingvo Internacia**: Literatura Aldono, 1905.

**Universo**: Internacia Revuo por la Belo, 1909-1910.

**Oficiala Gazeto Esperantista**: 1908 gis 1913. Kvin volumoj.

**Internacia Scienca Revuo**: 1904, 1905, 1907, 1908.

**L'Espérantiste**: Jaro 1905 kaj 1906.

**TRA LA MONDO**: Jaroj 1905 kaj 1906.

Plie 80 verkoj nebinditaj variaj, Literaturaĵoj, lingvaĵoj, sciencaĵoj.

Tiu ĉi kolekto de 130 libroj estas ricevebla kontraŭ 150 Fr. sv. pagebla ankaŭ poparte. Pezo pli ol tridek kilogramoj. Sendkosto je la ŝarĝo de UEA.

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
**Bibliografia Servo**
**Palais Wilson, Genève.**